„Mutig vorwärts!“ **Aŭstria Esperantisto** „Kuraĝe antaŭen“

# Aŭstria Esperantisto
## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio

7a jaro. N-o 6 | Monata | Junio 1930

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg ĉe Wien, Postfach.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ S 4.80, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

### Aus aller Welt.

**Postalische Neuerung in Liechtenstein.** Die Regierung des Fürstentums Liechtenstein beschloss Postkarten mit Bildern dieses schönen Landes und erklärendem Texte in deutsch und Esperanto auszugeben, um so das Interesse für ihr Land zu wecken.

**Esperanto als Pflichtfach** neben der Muttersprache wurde in dem Pensionat für Knaben und Mädchen in Sibford, Oxfordshire, England eingeführt. Die 10—17jährigen Zöglinge machen schöne Fortschritte.

Die **Straßenbahnschaffner in Düsseldorf** tragen am Arm ein Band, das den grünen Stern und die Aufschrift „Esperanto parolata“ trägt. Der Wiener Straßenbahndirektion zur Nachahmung empfohlen!

Am **Ankunftschalter der Post in Tallinn** (Estland) ist ein Schild angebracht mit der Aufschrift „Man spricht Esperanto“.

Der **sowjetrussische Staatsverlag** hat für 1930 einen Kalender auch in Esperanto herausgegeben.

Der **Rotary Klub in Dresden** lädt in einem Rundschreiben alle Rotarier, die an der Weltkonferenz in Berlin im Juni teilnehmen, als auch alle übrigen zu einer Zusammenkunft am 21. Juni ein. Die Einladungen sind in deutscher, englischer Sprache und in Esperanto gedruckt. Anfragen an Rotary Klub Dresden, Waisenhausstr. 20, Bankhaus Gebr. Arnhold.

Das **Komitee für die Festlichkeiten zu Ehren des hl. Emerich in Budapest** (Mai—Aug. 1930) versendet künstlerisch ausgeführte Plakate (60×90 cm) und schön bebilderte Broschüren über das Leben des Heiligen; alles in Esperanto.

Der **Esperantoverband sächsischer Lehrer** zählt 600 Lehrer.

**Esperanto - Gottesdienst**
**Unterkirche Alt-Ottakring**
Wien, XVI., Ottakringerstr. 215
Sonntag, 22. Juni, 15·30 h.

## Peticio al ĉiuj P.T.T.-ministroj.

La subskribita komitato sendis al la Ministerioj de Poŝto, Telegrafo kaj Telefono en ĉiuj landoj peticion, kiu rilatas al decido, farita de la 12. Kongreso de la Ligo en Budapest en 1929, kaj en kiu ĝi por substreki la peticion mencias la sukcesojn de E., nome, ke E. „estas akceptita kiel klara lingvo en la telegramoj (decido de Int. Telegrafa Konferenco, Paris 1925)“, ke „E. senhalte progresas pro sia celo faciligi la internaciajn rilatojn“, ke „jam multaj poŝt- telegraf- kaj telefon-oficistoj lernis, scipovas kaj uzas E., kion pruvas la intern. fakrevuo. ‚La Interligilo de l' P. T. T.‘ kun abonantoj en 42 landoj de la 5 kontinentoj“, ke „Intern. Laboroficejo en Genève, la plej gravaj Komercoĉambroj, Foiroj, multaj turistoficejoj, komercaj firmoj, kelkaj ŝipkompanioj, poŝt- kaj fervojadministracioj jam uzas E. kun sukceso kaj avantaĝo“ kaj

Tial, la Centra Komitato de nia Ligo venas vin peti, altestimata Sinjoro Ministro, bonvoli,

1e) Rekomendi la studadon de Esperanto al la P.T.T.-oficistaro de viaj administracioj;

2e) Konsideri Esperanton kiel deviga aŭ fakultativa parto de la personaraj fakekzamenoj;

3e) Permesi la uzadon de la esperantaj nombrovortoj sur la internaciaj poŝtmandatoj sub la ciferoj, por faciligi la kontrolon, kiu nuntempe preskaŭ ne estas ebla;

4e) Sendi oficialan reprezentanton al la Universalaj Esperanto-Kongresoj. Tiu de 1930 okazos en Oxford (Britujo) de la 2a-al la 9a de Aŭgusto;

5e) Proponi la uzadon de la facila, neŭtrala Esperanto en la rektaj rilatoj inter diverslingvaj P.T.T.-administracioj kaj -kongresoj.

Fidante je la fakto, ke vi bonvolos akcepti kaj studi ĉi tiujn gravajn demandojn en la ekonomia intereso de niaj internaciaj P.T.T.-servoj, ni Vin petas, altestimata Sinjoro Ministro, favorakcepti niajn plej respektoplenajn salutojn.

Por la Centra Komitato de Internacia Ligo de la Poŝt-, Telegraf- kaj Telefon-Oficistaro (ILEPTO):

La Prezidanto: Dr. Ed. Spielmann (Bern) La Ĝenerala Sekretario: Robert J. Filliatre (Paris)

## Por la gazetara propagando.

La ĝenerala sekretario de ICK informis nin jene:

Konsiderante la gravecon de la internacia gazetaro por nia propagando kaj por helpi sisteman kaj metodan organizon de tiu ĉi laboro per kunagado de fakuloj, ICK ĵus aprobis la starigon de

**Internacia Gazetara Komisiono komisiita de ICK.**

La komisiono konsistas el la profesiaj jurnalistoj:

S-ro Georges Avril, Nice, prezidanto
s-ro Leon Agourtine, Paris
s-ro William Janes, Bedford
s-ro C. Schuhler, Saarbrücken
s-ro Jak. Ŝapira, Bialystok, komisionanoj.

La komisiono laboras sur sama bazo kiel la jam funkcianta komisiono por Radio-statistiko, sub la aŭspicioj kaj laŭ direktivoj de ICK kiel gvida centro de la E.-movado.

Adreso de s-ro Avril, redaktoro, Bld. Auguste Raynaud, Nice.

Mi fariĝis kunlaboranto por Aŭstrio kaj petas jenajn informojn, kiujn la Komisiono bezonas por raporto en Oxford, ĝis la Linz-a Kongreso:

Titolon, kompletan adreson, nomon de la ĉefredaktoro, apermaniero (ĉiutaga, semajna ktp.), ĉu aperas artikoloj, kursoj ktp. de **neesperantistaj gazetoj: 1. plene favoraj al E.**, t. e. entenantaj ofte poresp. artikolojn, aŭ regulan kronikon, kurson ktp.; 2. **simpatiaj al E., t. e.** publikigantaj okaze artikolojn por aŭ pri E.; 3. **atentantaj** la demandon pri lingvo internacia, kia ajn estas tia lasta (menciu ĉu E. estis menciata); 4. **profesiaj ĵurnalistoj** varbeblaj laŭ iliaj emoj, konoj, spirita inklino ktp. Menciu la jurnalojn, ĉe kiuj ili kunlaboras. Steiner.

## Cirkulero de la Komisiono por Radio-statistiko.

Estimata samideano! La intereso por la Radio-sfero estas grava inter la esp.-istaro, pro tio ni petas vin, ke vi subtenu nin en nia praktika, serioza laboro, por ke ni povu kalkuli je via konstanta helpo. Ni sole postulas de vi la skribadon de unu poŝtkarto pomonate al adreso pri temo sciigota al vi pere de „Heroldo de E." kaj „Aŭstria Esperantisto". En ĉi tiu monato ni petas kiel unua karto sendi al ni informon pri la sekvantaj demandoj:

1. Ĉu vi estas preta, sendi pomonate poŝtkarton al iu adreso, destinita de la Komisiono?

2. Ĉu vi estas abonanto de „Heroldo" aŭ de „Aŭstria Esperantisto" aŭ ĉu vi povas unu el ili legi regule?

3. Ĉu kaj kiom da E.-dissendoj vi aŭskultis posemajne en ĉi tiu vintro?

4. Kiajn E.- dissendojn vi ĝenerale aŭskultis ĉiusemajne?

5. Al kiuj Radio-stacioj aŭ E.-parolantoj vi sendis leterojn aŭ poŝtkartojn en la lastaj monatoj?

6. Kia R.-stacio dissendis laŭ via opinio la plej interesajn E.-dissendojn?

7. Kiu R.-parolanto estis komprenebla la plej bona laŭ via opinio?

Est. kunlaboranto! Se iu demando ne plaĉas al vi, ne ĝenu vin. La tuta nur havas statistikan valoron, por prijuĝi kialoke ni unuavice devos labori.

Prez. de S. O. S.-Ligo, J. Jungfer, Lindenstraße 10, Lübben, Germanujo.

### Lingvoesplora konferenco

okazis de 20. III. - 2. IV. en Genève, kiun instigis „Intern. Auxiliary Language Association in the United States Inc." (IALA) kaj ĝia hon. sekr. s-ino Dave Hennen Morris en New York. Partoprenis 15 konataj mondlingvistoj (inter ili O. Jespersen, E. v. Wahl, E. Collinson, R. de Saussure, S. Auerbach, P. Stojan), kiujn prezidis prof. Jespersen, aŭtoro de „Novial".

La konferenco akceptis rezolucion fondi gazeton „Journal of Interlinguistic Research" (JIR), kiam la cirkonstancoj tion permesos. Oni aŭdis, ke la problemo de internacia lingvo estos tagorda punkto en la venonta Univ. Lingvista Kongreso en aŭgusto en Genève.

**Triaj germanaj sportludoj** okazos en Breslau, 26.—29. junio. Sam-anoj dezirante partopreni ilin, antaŭsciigu E.-grupon Breslau, s-ro Zenker, Sadowastraße 7.

# IX. Oesterr. Esperanto-Kongreß, Linz a. D., 28.—29. Juni 1930.

**Adresse:** Linz, Weissenwolfstraße 31.

**Protektoren:**
Justizminister Dr. Franz Slama
Landeshauptmann Dr. Josef Schlegel
Bürgermeister Josef Gruber

**Ehrenausschuß:**
Gesandtschaftsrat Dr. Dirk von Langen, Deutscher Konsul
Dr. Franz Duschek, Konsul der Csechoslowakischen Republik
Landeshauptmann-Stellvertreter Dr. Josef Schwinner
Landeshauptmann-Stellvertreter Josef Hafner
Landeshauptmann-Stellvertreter Franz Langoth
Präsident der Finanzlandesdirektion Dr. Emil Duftschmid
Brigadier Generalmajor Oskar Englisch-Popparich
Landesgendarmeriedirektor Johann Voglhuber
Polizeidirektor Hofrat Dr. Rudolf Scholz
Präsident d. Post- und Telegraphendirektion f. O. Oe. u. Salzburg Josef Almoslechner
Bundesbahndirektor Ministerialrat Ing. Friedrich Hohenbühel
Vizebürgermeister Leopold Kraft
Vizebürgermeister Dr. Josef Stampfl
Vizebürgermeister Dr. Otto Foltz
Landesamtsdirektor Herrmann Attems
Hofrat Oskar Meiss-Teuffen
Landesschulinspektor für Mittelschulen Dr. X. Hofer
Landesschulinspektor für Haupt- und Bürgerschulen Hofrat Dr. Franz Berger
Landesregierungsrat Ernst Kohlert
Stadtschulinspektor Regierungsrat Josef Molterer
Präsident der Kammer für Handel, Gewerbe und Industrie Hofrat Ing. Franz Heissler
Eduard Euler

**Kongreßprogramm:**

**Freitag, den 27. Juni:** Begrüssungsabend für Frühankommende im Klubheim des Oberösterr. Esperanto-Bundes, Gasthaus Stadtgut, Volksgartenstraße.

**Samstag, den 28. Juni:** Vorm. und nachm. Arbeitssitzungen; Führungen durch die Stadt; abds. feierliche Eröffnung des Kongresses in den „Landwirtschaftlichen Redoutensälen" (Promenade) in Anwesenheit der in- und ausländischen Kongreßteilnehmer und der geladenen Gäste.

**Sonntag, den 29. Juni:** Morgens Spaziergang; vorm. Besuch des Pöstlingberges; gemeinsames Mittagessen; nachm. Fahrt mit Trambahn nach St. Florian, Besuch der Abtei und des Grabes von Anton Bruckner; abds. Abschiedszusammenkunft in Linz.

**Ausflüge nach dem Kongreß: a) Halbtags: 1. Wilhering-Ottensheim** (8 km) zu Fuß entlang der Donau, mit Bahn oder Auto; zurück abends mit Schiff; 2. Besuch der berühmten Abtei **Kremsmünster** (aus 777) und des weltberühmten Kurortes **Bad Hall** (35 km); 3. **Steyr,** das österreichische Rothenburg (45 km) und **Enns**, das alte römische Laureacum, Städtchen mit Museum und römischen Funden; **b) Ganztags:** 1. ins seenreiche, herrliche **Salzkammergut**: Traunsee, Attersee, Hallstädtersee, Wolfgangsee, Mondsee: mit Bahn oder Automobilen des Fremdenverkehrsamtes; zu empfehlen für Heimfahrt nach dem Süden; 2. Schiffahrt durch die herrliche **Wachau** für Wiener und Besucher über Wien; 3. zu Fuß, mit Bahn oder Auto ins hügelreiche **Mühlviertel** oder in den **Böhmerwald** (schon in Č. S. R., Pässe!) mit Bahn Linz-Aigen, Auto bis Schwarzenberg, Marsch auf den Dreisesselberg, Plöckensteinersee, Stifterdenkmal, Kubany-Urwald; besonders für Besucher aus Č. S. R.

**Alle Auskünfte erteilt Fremdenverkehrsbüro-Linz.**

**Empfangsraum** im Stationsgebäude ist durch Flaggen entsprechend gekennzeichnet.

**Zusammenkünfte und Arbeitssitzungen** im Kaufmänn. Vereinshaus auf der Landstraße.

**Einladungen mit Anmeldescheinen** werden durch das Fremdenverkehrsbüro mit den neuen Esperantoführern versandt.

**Kongreßbeitrag** ist 2 S. Anmeldungen mögen **umgehend** eingesandt werden, da bei verschiedenen Veranstaltungen die Anzahl der Teilnehmer ausschlaggebend ist.

Die **Begünstigung** auf der Eisenbahn beträgt 25%, wenn wenigstens 12 Personen gemeinsam fahren (1½ Fahrkarten für Hin- und Rückreise). Anmeldung 8 Tage vorher beim Bahnvorstand.

**Zur Teilnahme sind herzlichst alle österr. Esperantisten ohne Unterschied der Organisationszugehörigkeit eingeladen.** Der Erfolg des Kongresses wird **allen** gute Dienste leisten.

**Unterkunft** besorgt Oesterr. Verkehrsbüro in Linz.

3 Preise wurden vom **Stadtmagistrat** für Veranstalter von Karawanen zum Kongreß gestiftet.

**Zeitgemäße Werbung**: Der Linzer Aviatiker Vess Wannek wird mit seinem Flugzeuge, auf dessen Tragflächen Werbetext für Esperanto angebracht wird, Linz überfliegen; der Aviatiker Hans Wannek wird während des Besuches der Kongreßteilnehmer mit seinem motorlosen Flugzeug den Pöstlingberg umfliegen — vorausgesetzt schönes Wetter.

**Radio**: Radio-Wien (W. Smital) brachte jeden Mittwoch während der „Esperantowerbung für Oesterreich" Mitteilungen über den Kongreß. **Ein eigener Radiovortrag** (Präsident des Kongreßausschusses Dir. Wannek) **findet von Radio-Linz am 23. Juni zwischen 17.30—19 Uhr statt. Näheres aus den Tagesblättern und Radiozeitungen.**

**Postkarten** mit Esperantotext (Linz, Hallstadt und Gosausee mit Dachstein) durch den Ortsausschuß beziehbar.

**Letzte Nachrichten** erscheinen im „Heroldo de Esperanto", der bis nun ausführlich alle Einzelheiten über unsere Tagung (27.—29. Juni) brachte.

Der Ortsausschuß für die 9. österr. Esperantotagung in Linz:

Dir. Karl Wannek, Vorsitzender R. Ulbrich, Schriftführer

## Novaj konstruaĵoj en Linz.

Nur en la lastaj jaroj oni komencis konstrui (parte laŭ planoj de mortinta Linz-a arĥitekto prof. Schulte) pli arteaspektajn domojn kaj konstruaĵojn. Krom la loĝdomoj estas menciinda en unua vico la konstruo de la jam inaŭgurita, sed ne ankoraŭ finkonstruita Nova Katedralo. La preĝejego, kiu enhavas lokon por 22.000 personoj, estas en gotika stilo kaj havas turon 134 m alta. Estu malkaŝata, ke laŭplane la turo devus havi pli grandan altecon ol Stefans-turo en Wien. Sed la Wien-anoj ne permesis tion. — Tute moderna konstruaĵo estas ankaŭ Kremaciejo en Urfahr, malfermita antaŭ du jaroj. Ĝi troviĝas en belega urnejabareto, kiu certe estas unu el la plej belaj tombejoj en la mondo. Rivereto trafluas ĝin; vojetoj gvidas al la urnlokoj, ŝtuparetoj, malgrandaj pontoj, benketoj, montetoj — idilia malgranda naturparko. — Sed en aprilo io alia pli agrabla estis finkonstruata — la nova „Parkbad" en proksimo de la haveno, granda moderna banejo kun sportplacoj, sunbanejo ktp. Baldaŭ malfermota estas la konstruaĵo de „Kammer für Arbeiter und Angestellte". Ankaŭ nova lernejo en Linz-Ost estos vinindaĵo: ĉiu klasoĉambro nur havos tri murojn; la kvara vando konsistas el unu granda fenstrego. Per helpo de la registaro oni nun ankaŭ konstruos kelkajn milojn da novaj loĝejoj. Ankaŭ la novkonstruaĵo por „Linzer Studienbibliothek", tre granda kaj valora biblioteko (la plej granda en la provinco!) okazos nunjare. R. U.



Donaŭ-valo kun Pöstlingberg.

## 22. Univ. Kongreso de E.

Oxford, 2.—9. aŭg. 1930.

**Adr.:** 142 High Holborn, London, WC 1.
**Kotizo:** 20 br. ŝ. ĝis 1. julio, poste 30 ŝ.
Dum la kongreso Oxford Mail eldonos ĉiutage E.-paĝon. En kinomatografa teatro oni montros filmon kun teksto en angla lingvo kaj E.
**Kongresejo:** La urbdomo de Oxford.
**Kongreslibro** estos dissendata fine de junio.
**Fervojrabatoj:** Ĉiu kongresano ricevos rajtigilon por revenbileto de iu ajn brita stacio aŭ haveno al Oxford kaj reen al la sama deira urbo. Rabato unu triono kaj validas nur de 1.—11. aŭg. Tra Belgujo al Ostende kaj reen al la deira punkto vi ricevos rabaton da 35% Mendu identeckarton de Belga Ligo Esperantista, 60 St. Lievenslaan, Gent (Belgujo) ĝis 25. de julio kontraŭ alsendo de 1 resp. kupono kaj anonco de numero de sia kongreskarto kaj la dezirata vojo.
**Loĝejo** devas esti mendata plej malfrue ĝis 1. julio, poste oni ne povas garantii por ĝi.
**Teatro:** Julio Baghy konsentis ofici kiel reĝisoro. C. C. Goldsmith, sekretario.

### Univ. Ekspozicio de Antwerpen.

Esp.-istoj, dezirante viziti Antwerpen, anoncu sian viziton al E.-grupo „Verda Stelo“, s-ro A. Faes, sekr. Schoenmarkt 16/1, Antwerpen. Oni faros al ili ĉiujn servojn kaj kondukos ilin tra la ekspozicio.

## XV-a Katolika E.-Kongreso.

Budapest, 16.-22. aŭg. 1930.

**Adreso:** LKK., Budapest, Postafiók 203.
**16. aŭg.** Interkonatiĝa vespero.
**17. aŭg.** Sankta Meso kun E.-prediko, kiun verŝajne celebros Lia Kardinala Moŝto Justiniano Serédi, princprimato de Hungarlando, Honora Prezidanto de Hungara Katolika E.-Societo kaj de XV-a.
Inaŭguro de l' monumento al St. Emeriko. — Solena malfermo de la Kongreso. — Unua Laborkunsido. — Ĉirkaŭrigardo en Budapest. — Vespero hungararta.
**18. aŭg.** Pilgrimo al Mariabesnyo. St. Meso kun E.-prediko. — Laborkunsido. — Ĝenerala kunsido de IKUE.
**19. aŭg.** St. Meso k. prediko. — Laborkunsido. — Solena akcepto ĉe la urbestro. — Granda Eŭkaristia Soleno sur Danubo.
**20. aŭg.** Muzika alarmo. — Silenta St. Meso. Procesio tra la urbo kun partopreno de la esp.-istoj. — Fermo de la kongreso.
Poste ekskursoj al Mohács per ŝipo. — Rigardo de la urbo. — Vojaĝo al Pécs. — Rigardo de la urbo. — Forveturo al la lago Balaton.

## 18-a Kongr. de Japanaj E.-istoj.

Kanazaŭa, 2.—4. aŭg. 1930.

Elkoran gratulon!

## 19-a Germana E.-Kongreso.

La Aŭstria Registaro estis oficiale reprezentata de la aŭstria ĝeneralkonsulo en Dresden, Aŭstria E.-Asocio de sia prezidanto.

Pri la granda sukceso ni raportos en la julia numero.

## IV. Kongreso de Universala-Ligo por Seksa reformo sur scienca bazo.

Wien, 13.—20. sept. 1930.

En la komitato estas docento d-ro Friedjung-Wien (favora al Esp.) kaj d-ro Kempeneers-Bruxelles (nia belga sam-ano).

Ĉiuj prospektoj estas en germana, angla, franca lingvoj kaj Esperanto.

Multnombra partopreno de esp.-istoj dezirinda!

## Int. Esperanto-Muzeo en Wien

Wien, I., Neue Hofburg, Heldenplatz.

La transloĝiĝo en nian novan hejmon ni ne ankoraŭ povis aranĝi, ĉar la instalaĵlaboroj ne ankoraŭ estas finitaj. Ni esperas, ke la 20. de junio ni jam estos tie. Ni petas helpemulojn, ke ili venu la 23. kaj 24. junio inter la 9-12 kaj 15-18 h en nian novan hejmon, por interkonsenti pri la tempo kaj la farota laboro. Atendas nin multa laboro, ĉar ni deziras malfermi la legejon komence de julio.

La sendaĵo de prez. Cart, 3 kestoj kun 258kg jam alvenis. Kiu helpos ordigi ĝin?

Jam aro da fremdlandaj samideanoj venas al Wien, vizitas nin (lastatempe 1 el Novzelando, Jaffe el Flint-Michigan, ktp.). Steiner, prez.

### Tomáŝ Masaryk.

La 7. marto la prezidanto de Ĉeĥoslovaka Respubliko Tomáŝ Masaryk finis sian 80-an vivjaron. Moraviaj Esperanto Pioniroj en Olomouc festis ĉi tiun tagon per eldonado de „Malriĉa knabo, kiu gloriĝis“ de d-ro Herben en E. La libro donas la biografion de l' Prezidanto. Flua E.-traduko de T Mrázkova kaj B. Pittner, 136 paĝa. belaspekta; prezo 16 Kĉ.

**La poŝto en Hago oficiale uzas E.-on.**

Pastro Andreo Ĉe sendis al IEMW. koverton, kiun Nederlandsche Esperantisten Vereiniging „La Estonto estas nia“ kaj „Fine ĝi venkos“ en Haag forsendis. La koverto revenis kun jena rimarko sur la dorsflanko: „Jam de longe translogiĝinta, kaj nova adreso ne estas trovebla.“ Pruvo, ke la poŝto en Haag uzas oficiale E.-on.

**Japana Religia Ekspozicio.**

La plej signiforiĉa kaj animaltiga entrepreno, kiun la japana popolo havas en ĉi tiu jaro, estas Japana Religia Ekspozicio. En ĝi troviĝas aparta Oomoto-domo — unuanime admirata laŭ raportoj de la ĉiutaga jurnalaro, kaj en tiu domo „Universala Homama Asocio“, bildo de Zamenhof kaj E.-propagandfolioj.

(Laŭ Oomoto.)

## La Ĉe-kursoj en Nederlando.

Originala raporto de A. L. van den Broeke, Utrecht.

En oktobro lastjare venis en nian landon s-ro Ĉe por montri, kiamaniere oni pli facile kaj agrable iustruu kaj lernu E.-on. Plej ofte la nombro de la lernantoj plimalmultiĝas dum la kursoj, sed en la kursoj de Ĉe la kursanoj restis ĝis la fino kaj sentis bedaŭron pro ilia finiĝo.

P. Ĉe instruis de nov. ĝis majo en Hago, Amsterdam, Dordrecht, Utrecht, Arnhem kaj Leeuwarden proksimume 920 personojn; krome li faris daŭrigan kurson kun geinstruistoj en Hago.

Nun estis fondata Haga Internacia Ĉe-Instituto, kiu sendos tra la tuta mondo nederlandajn kaj alilandajn geinstruistojn, por instrui E.-on laŭ Ĉe-metodo. Informojn pri Instituto donas s-ino J. Isbrücker en Haag.

**Dua int. pedagogia Kurso de Andreo Ĉe.**

Arnheim (Nederlando), 17.—29. julio.

La urbestraro de Arnheim, la belega ĝardenurbo apud Rhein, aranĝos pedagogian kurson de E. sub gvidado de P. Andreo Ĉe. La kurso daŭros 17.—29. julio en 11 labortagoj kun po 4 instruhoroj sen uzo de nacia lingvo, sen lernolibroj kaj hejma laboro kaj kapabligos al facila konversacio en E. pri ĉiutagaj aferoj. La ĉefa celo estas prepari E.-instruantojn kaj diskonigi la sukcesplenan instrumetodon de Ĉe.

Ĉiu kursano ricevos de la urbestraro ateston pri partopreno kaj ĝuos dank' al ĝia malavara subteno jenajn favoraĵojn: 1. 15 eksterlandaj gekursanoj estos gastoj de la urbo Arnheim; ili ricevos **senpage** loĝejon kaj manĝon dum la tuta kurso, 2. 60 personoj povos ricevi favorajn lokojn tiel, ke ili pagos potage nur sv. fr. 5.— por kompleta pensiono. Ili ĉiuj loĝos en belega Colgaardtdomo, speciale fondita por konferencoj kaj kursoj, kiu donos ĉiun komforton. Por la aliaj la komitato prizorgos pensionojn.

La kurslecionoj okazos matene de la 9. h. en knabina reallernejo, dum la posttagmezoj kaj vesperoj oni ekskursos. Partopreno laŭvola.

Post finiĝo de la kurso la partoprenantoj povos komune veturi al la Kongreso en Oxford.

Kotizo 5 guldenoj, sendotaj kun la aliĝo **ĝis plej malfrue la 1. julio** al la organiza komitato, s-ino Julia Isbrücker, Hago, Oostduinlaan 32. La 16. julio funkcios akceptejo en la stacidomo de Arnheim.

**Malmultekosta pensiono** (2.60 sv.fr. potage) en junulgastejo, ĵus malfermita en bela vilao en arbareto tute apud la urbo, estas akirata, por ebligi ankaŭ al malpli bonsituaj la partoprenon. Tuja anonco necesa.

**Aliĝiloj** el 10 landoj — ankaŭ el Aŭstrio — venis ĝis nun.

**Oficiala akcepto** en la urbdomo okazos la 17. vespere.

**Prelegoj, diskutoj.** Paroladoj pri diversaj komune interesaj temoj estos aranĝotaj dum la liberaj vesperaj horoj. Kursanoj, dezirante fari paroladojn, baldaŭ anoncu la temon. Krome okazos diskutvespero pri instruado de E. kaj instrumetodoj.

Por la Komitato: Julia Isbrücker.

---

**Kataluna Antologio.**

Ĉi tiun gravan kaj belan verkon, kies 500 ekzempleroj delonge elĉeripiĝis, **Editorial Iberica, Barcelona, Londres 188**, intencas reeldoni en 1500 ekz. La dua eldono, 418 paĝoj, formato 15.5×22 cm, aperos en julio. La prezo estos 10 pesetoj (dume la unua eld. kostis 15 p.) kaj por tiuj, kiuj antaŭsendos la monon ĝis 30. junio, nur 8.50 pes. — Do ne hezitu kaj mendu. Ankaŭ ni prizorgos la mendadon.

## Wien-a deficito.

Ni ricevis jenan leteron:

Tre estimata,

Ĉiam memorante la afablan renkonton, kiun trovis la blindaj esp.-istoj de Aŭstrio flanke de siaj vidantaj sam-anoj okaze de XVI-a en Wien-1924 (IV. Kongreso de blindaj esp.-istoj), la malgranda grupo de „Blindaj esperantistoj en Aŭstrio“ — eksciiĝinte, ke kelkaj LKK-anoj havis sekve de l' defito personan malutilon — decidis, dediĉi el sia modesta havaĵo malgrandan sumon favore al tiuj vidantaj esp.-istoj.

Kiel kasisto la subskribinto sendas cent S al vi, tre estimata, kun la peto, transdoni la monon al la koncernaj s-roj. Respektplene

Anton Krtzmáry, muzikprof. e. p.
Hadersdorf-Weidlingau, Hauptstr. 140

Ni publikigas tion kun granda ĝojo kaj danko! Ke ĝuste niaj blindaj sam-anoj donacis al la deficito tiel malavare el sia modesta posedaĵo tiom por E.-grupo en la nuntempo grandan sumon, estas belega kaj kortuŝa pruvo de helpemo kaj estu denove por la aliaj, vidantaj sam-anoj instigo, ankaŭ donaci oboluson!

## Ĝeneraldirektoro de Nationalbibliothek Univ. prof., kortega kons. d-ro Josef Bick.

Al lia 50-a naskiĝtago.



Ĝeneraldirektoro d-ro Bick festis la 22. majo sian 50. naskiĝtagon. Malofte homo en tiu aĝo povas rerigardi al tiaj brilaj sukcesojkiel la jubileanto kaj, kvankam li ne ŝatas esti festata, la publiko havas la rajton esti informata pri ili.

D-ro Bick venis post finiĝo de siaj malnovfilologaj studoj en 1907 kiel scienca oficisto al Wiener Hofbibliothek. Pro siaj specialaj kvalifikoj al bibliotekista okupiĝo li 1917 jam fariĝis vicdirektoro kaj 1923 al li estis konfidata la direkcio de unu el la plej gravaj bibliotekoj en la mondo. Grandaj laboroj estis plenumotaj! Kaj Bick ilin plenumis! Nombri ĉiujn sukcesojn detale ne estas eble en nia kadro. Sufiĉas diri, ke Bick modernigis la altŝatatan instituton de „Hofbibliothek“ nun „Nationalbibliothek“ laŭ la plej modernaj principoj tiamaniere, ke sia instituto trovis sian indan lokon en la unua vico de la plej grandaj bibliotekoj en la mondo.

Sed kion signifas d-ro Bick por al esperantistaro tutmonda? Al li ni dankas, ke Internacia Esperanto-Muzeo en Wien en kelkaj tagoj trovos vere indan hejmon en Neue Burg!

Kiam mi en julio 1928 venis al la ĝeneraldirektoro kaj klarigis al li mian projekton fondi IEMW., mi trovis plenan komprenon por nia movado kaj post kelkhoraj priparoladoj ni interkonsentis, ke IEMW. estu envicigota en la kadron de fama Nationalbibliothek. Multaj malfacilaĵoj estis venkotaj! Mankis loko, mankis la necesa mono! Sed ni povis forigi ankaŭ ĉi tiujn melhelpaĵojn, iom post iom. En septembro 1928 mi ricevis intertempan oficejon, du malgrandajn ejojn en Augustinerstöckl de N.B., senpage. Ni faris kontrakton, per kiu IEMW. fariĝis parto de Nacia Biblioteko kiel „Corpus separatum“ kaj kiun la ĝen. dir. subskribis en la nomo de Ministerio por Instruaferoj. La 1. de aŭg. 1929 ni havis en unika Prunksaal (Pompa salonego) de N.B. la oficialan inaŭguron de IEMW., kiun solenaĵon d-ro Bick ĉeestis, interrompinte siajn feriojn, kaj parolis al la reprezentantoj de pli ol 30 nacioj promesante la daŭran favoron kaj subtenon de IEMW. D-ro Bick ankaŭ permesis, ke granda E.-ekspozicio el la materialo de IEMW. estu ekspoziciata en 46 elmontraj kestoj en Prunksaal kaj restu tie dum 9 monatoj ĝis aprilo 1930. Multaj fremduloj, kiuj ĉiutage venas en Prunksaal, por vidi ĉi tiun belan ejegon, tiamaniere konatiĝis kun Esperanto. Kaj fine ni ricevis de nia altŝatata jubileanto, membro de Internacia Honora Komitato de Internacia Esp.-Muzeo en Wien, la plej indan hejmon en Neue Burg.

Ĉu vi nun samideanoj, scias, kion signifas por ni d-ro Bick?

Ni ĉiuj deziras lin gratuli kun la peto, ke li konservu al ni sian favoron!

Steiner, fondinto de IEMW.

**Félicien de Ménil.**

La komponisto de nia himno „La Espero“, Barono Félicien Menu de Ménil, malnova pioniro de nia movado de pli ol 30 jaroj, mortis, 69-jara, en Neuilly la 28. de marto.

Kiel jurnalisto li redaktis la gazetojn „Franca Esperantisto“ kaj estis ĉefredaktoro kaj direktoro de „La Revuo“.

Kiel komponisto li verkis ŝatatajn muzikaĵojn.

La tutmonda esperantistaro ĉiam memoros lin!

---

## Ĉu denove Esperanto-krizo?

(Okaze de la apero de Occidental. „Die Weltsprache“.)

Kion D-ro Wahl, la aŭtoro de Occidental, nun riproĉe diras pri Esperanto, tion parte jam kelkaj malkontentuloj el niaj vicoj asertis antaŭ pli ol dudek jaroj. Unue al li ne plaĉas la fonetika principo de Zamenhof uzi nur unu signon por ĉiu simpla sono. Li pruvas — kaj tiukaze prave; temas nur, ĉu la fakto tiom gravas — ke la kreinto de nia lingvo mem ne ĉiam procedis ekskluzive laŭ tiu principo, ĉar li skribis c, ĉ, ĝ anstataŭ ts, tŝ, dj, kiel li estus devinta skribi laŭ la modelo de ks kaj kv. Sed precipe ŝajnas al Wahl pedanteca novaranĝo, ke c ĉiam reprezentu la ts- kaj neniam la k-sonon. Li opinias, ke la regulo de preskaŭ ĉiuj latindevenaj lingvoj (c antaŭ a, o, u sonu kiel k!) estu ankaŭ uzata en internacia (t. e. por li intereŭropa aŭ pli ĝuste interokcidenta) lingvo kaj en sia propra sistemo li mem sekvas tiun postulon, forigante samtempe la sufiĉe internacian (ĝermano — slavan) literon k. (Sed ne dekomence, kion pruvas la malnova titolo „Kosmoglot“ de lia gazeto) Ke latindevenaj lingvoj tute ne konas tiun literon, estas iometa troigo, ĉar troviĝas — almenaŭ en la plej konataj inter ili — vortoj, kiuj ja estas de fremdlingva deveno, sed tamen tre konataj kaj ofte uzataj,kaj kies komenclitero estas k (eks. la kunmetaĵoj kun „kilo“).

Dum ke Wahl mallaŭdas la envicigon de k en la alfabeton, li bedaŭras la forigon de y, al kiu li same donas duoblan signifon fonetikan., nome j antaŭ vokalo kaj ü antaŭ konsonanto. Por siavice forigi ĝ kaj z, li donas ankaŭ al g — koresponde kun c — aŭ la sonon de esp. g aŭ de esp. j, al s tiun de esp. s kaj z. Ĉe s almenaŭ homo nescianta latindevenan lingvon certe ne komprenos, laŭ kiu principo tiu ŝanĝo okazu. La forigotan ĝ Wahl anstataŭas per j. Krome li enkondukas en internacian sistemon sonsignojn, kiujn uzas nur unu el la plej gravaj lingvoj de Eŭropo; en sonanta laŭ franca, ch laŭ hispana, eĉ w laŭ angla maniero. Tion oni nepre ne povas aprobi kaj same oni evitu sonojn, kiuj al pli ol la duono de la eŭropanoj kaŭzas malfacilaĵojn. Se Wahl uzas la „moligitajn l- kaj n- sonojn de la lingvoj latindevenaj, li samrajte eĉ povus uzi la anglan th-sonon (hispanan c).

Pli akre ol la ortografian sistemon de Esperanto la aŭtoro de Occidental atakas la regulon rilate akcentadon, la finaĵojn de la gramatikaj kategorioj kaj la elekton de la vortradikoj. Oni ne povas nei, ke la akcentregulo, kiun li alludas, aliigas la akcentadon de multaj nacilingvaj vortoj. Sed ĉu tio estas baro neforigebla por lernantoj? Ankaŭ anglo lernanto kiun ajn en hejma formo al li jam konatan vorton, ofte devas kutimiĝi al akcentado por li fremda kaj la samon spertis en pasintaj jarcentoj ano de antikva Romo studante grekan lingvon. Estas certe pli simpla procedo lerni la senesceptan regulon de Esperanto ol la kvar de Occidental aŭ la tri de Ido.

La finaĵoj -o, -a, -e, -j, -n, -as k. t. p. tute ne plaĉas al la kreantoj de novaj helplingvoj. La akuzativon ili konsideras superflua, la infinitivan kaj pluralan finaĵojn ili ĉiuj ŝanĝas (la unuan laŭ hispana, la duan laŭ angla, franca aŭ itala maniero), dirante, ke la procedo de Zamenhof estigis slavismojn. Ankaŭ la adverban finaĵon -e Wahl anstataŭas per la pli peza-men. Adjektivajn kaj substantivajn afiksojn (-o, -a) li konsideras nenecesaj. Simileco inter Occidental kaj Ido ankaŭ

estas la forigo de la t. n. tabelvortoj, kiuj ja estas artefaritaĵoj, sed certe pli bone subtenas la memoron de la lernanto ol la listoj de aliaj sistemoj. La formojn de la verboj oni same pli facile lernas laŭ Esperanto, kvankam ili ne estas naturdevenaj. Ankaŭ en Occidental arbitraj formoj ja ne mankas, ekz. esset=estis, kion oni nur povas scii post studado de la lingvo.

Rilate la vortaron, precipe la vortoj ne latindevenaj (ekz. hundo, bedaŭri, kaj, nepre k. t. p.) ĉiam kolerigis la reformistojn. La defendantoj de Occidental diras, ke la ĝermandevenaj vortoj de ilia sistemo estas pli internaciaj ol tiuj de Esperanto. Sed ekz. „strase“ certe ne estas konata en la tuta civilizita mondo. Kaj kial Wahl uzante „sege“ kaj „ost“ elektis la ĝermanan ortografion?

Mi rifutu plue la opiniesprimojn, ke Germanujo pliriĉigis la homan kulturon precipe nur per siaj tekniko kaj industrio kaj ke latindevenaj nacianoj kaj ĝermanoj estas fuŝstilistoj uzante Esperanton. Mi certe neniel malgrandigu la gloron laŭmeritan de Grabowski kaj aliaj, sed Privat kaj la ĝermanaj aŭtoroj, kiuj publikigis siajn verkojn pere de la eldonejo Hirt & Sohn, sendube ankaŭ majstris nian lingvon.

Mia konvinko estas, ke samajn kaŭzojn ĉiam sekvas samaj efikoj kaj ke Esperanto, ne mortinta pro Ido, ankaŭ ne ĉesos ekzisti post la apero de occidentala gramatiko.

Originale verkis D-ro fil. Wolfgang Biehler.

---

Ĉu vi povas kompreni, kial estas tia diferenco inter la nombroj de la aŭstriaj esperantistoj kaj la abonantoj de nia gazeto?

Certe estas en Aŭstrio kelkmiloj da esp.-istoj kaj nur 600 abonantoj!

La abonprezo ne estas tro alta; ĝi egalas unu glason da biero pomonate!

Ĉu la enhavo ne plaĉas al vi? Bonvolu kritiki kaj kunhelpi donante konsilojn kaj sendante artikolojn!

Ĉu gazeto estas necesa por antaŭenpuŝi la movadon en la koncerna lando? Certe ĉiu jesos; ĉiu nun ankaŭ sentu la devon, ebligi la vivon de Aŭstria Esperantisto per memabono kaj abonigo de aliaj!

Ne hezitu!





Einzelnummern unserer Zeitung (früherer Jahrgänge; keine kompletten) werden gegen 10 gr. per Stück (in Briefmarken) abgegeben. Kursleiter können bis 50 Stück einzelner Nummern bestellen.

## Por niaj infanoj!

Liebe, kleine Freunde! Einer Bitte aus Eurem Kreise, wie Ihr aus nachfolgendem Briefe ersehen könnt, will ich gerne Folge leisten und für Euch, liebe kleine Mitarbeiter für unser schönes Esperanto, eine eigene Ecke „Por niaj infanoj!“ einrichten. Onklino Kristinjo hat in ihrer Liebe zu Euch Kinder, sich bereit erklärt, Euch, schöne Geschichten zu schreiben und Rätsel aufzugeben. Vergeltet der Tante ihre Mühe, indem Ihr fleissig Euere Ecke leset und auch an die Zeitung selbst kleine Arbeiten zur Veröffentlichung einsendet. Jeden Monat erhält ein Rätsellöser, der durch das Los bestimmt wird, ein Büchlein als Lohn für seinen Fleiss, die Namen der anderen werden in der Zeitung genannt. Also recht fleissig sein! Onklo Hugo.

### Ni ricevis jenan leteron:

Oslip, la 11-an de majo.

Tre kara redaktisto!

En nia klaso estas grupo de 12 esperantistoj. Ni nun lernas du monatoj, sed jam scias iom paroli kaj kanti, ekzemple: „Supre staras sur la monto“ kaj „Se donas Di' al vi favoron“. Plej multe ni ĝojis pri la poemeto „Mi desegnas katineton“. Jen ĝi estas:

Per krajono en la mano
faru cirklon: jen la pano!
Nun portilon faru tuj:
jen patrina aĉetuj'!
Oreleto, orelet'
ŝajnas leda monujet'.
Barbobaroj, kurblini':
sidas kato tie ĉi.

Ni petas, skribu ankaŭ en via gazeto ion facilan, ni estas tre dankaj! Kun koraj salutoj el Burgenland la esp.-istoj de la III-a klaso: Marie Machtinger, Justina Schneider, Hedwig Bauer, Agnes Bubich, Cäcilia Klemenschitz, Hermine Wilkovics, Cäci Strommer, Agnes Laschitz, Cäcilia Babonich, Marie Stefanitsch, Maria Schindler, Maria Gruber, Andreas Schumich.

## Fabela enigmo.

Estis iam . . . . ho ve! mi eraris. Per tiuj ĉi vortoj ne povas komenciĝi mia fabelo. Do ĝi ne estas vera fabelo, ĉu ne? Sed eble fabela vero. Auskultu!

Ekzistas en la mondo granda regno, kies limoj de tago al tago disvastiĝas. Vi supozas, ke la popolo loĝanta tie multe militas. Ho ne, male. La enloĝantoj de tiu fabela lando nomas sin reciproke „fratoj". Ili nek fabrikas nek uzas armilojn, kvankam ili havas grandan armeon de batalantoj. Potenca sorĉulo — *„Spirito Zamenhofa"* li estas nomata — gvidas ilin de venko al venko. Li mem servas kun siaj anoj al plej ĉarma reĝino, kiu nomiĝas *„Homamo"*.

La fabela popolo estas enmigrantoj el ĉiuj partoj de la mondo. Tamen ili parolas nur unu saman lingvon. Kaj nur la scio de tiu ĉi mirinda lingvo ebligas la eniron; la fidela servo al la reĝino certigas le restadon en tiu vere paradiza lando.

Laŭdire ĝis nun troviĝas nur *bonaj* homoj en la lando; ĉar malbonaj homoj ne ekvidas ĝian belecon.

Vi divenu la nomon de tiu sorĉlando kaj la nomon de la lingvo tie parolata.

**Elnombra rimaĵo** (Auszählreim).

*Unu, du, tri, kvar* kaj *kvin,*
Sidas en angul' katin'.
Ŝin ne plaĉas nia bruo
Pro la musoj en la truo
Do ni nombru je la fin'.
*Unu, du, tri, kvar* kaj *kvin.*

**Ŝercdemando.**

Kiu „kanto" ne estas aŭdebla kaj tamen bela? (la lekanto.)

Kiuj „anoj" estas manĝeblaj? (la bananoj.)

Kiu horo valoras oro? (matenhoro.)

## Gravaĵoj.

**10. Kongreso de SAT** okazos 3.—7. aŭg. en London. Kongreskotizo Rm 2.50, sendebla al admin. de SAT Richard Lerchner, poŝtĉekonto 6835 Leipzig; sinanoncoj al J. Sulsky, 19 Leyton Rd., Harpenden, Herts, Anglujo.

**Aŭstria Laborista Ligo Esperantista** havis la 20.—21. aprilo sian 9. plenkunvenon en Graz. Novelekita prezidanto estas instruisto Jeittler. La ĝisnuna prez. prof. Simon ne plu volis akcepti la prezidantecon kaj simple restas redaktoro de „La Socialisto".

**23. jarkunveno de E.-Asocio de Finnlando** okazis dum Pasko. La meritplena prezidanto, staciestro H. Salokannel estis reelektata.

**7. jarkunveno de finnaj fervojistoj** samtempe okazis. Reelektita prez. H. Salokannel.

. **„Hankouha E.-Asocio"** estas fondita . . Ĝi, eldonas gazeton „La Espero". Adreso: P. O. Box 54, Hankow, Chinujo.

Ĉe **Sanhaja E.-Asocio** nia s-ano F. Ebner el Klosterneuburg faris paroladon. (Laŭ „La Verda Lumo".)

**„La princo S-ta Emeriko el la gento de Sankta Stefano, mortis 1031".** Verkis d-ro Remigo Bodnár Brd. Praem. Eld. ĉi tiun belaspektan, 15 paĝan broŝureton kun aro da bildoj, la Komitato por la

**„Festoj de Sankta Emeriko Budapesto 1930, majo-aŭgusto"**, kiu eldonis ankaŭ belaspektan afiŝon en E. 60×90 cm.

**Turismo.** ICK-Genève altiras en sia cirkulero n-ro 61 la atenton al la bonega propagandilo, eldonita denove en 1930 de Ministerio por Komerco kaj Trafiko en Aŭstrio.

**Bad Warmbrunn en Riesengebirge** (Silezio) eldonis 4 paĝan gvidfolion kun 4 bildoj.

## Aŭstria Esperanto-Asocio
I. Augustinerstraße 7

## Prioro P. Wolfgang Nedwid jubileas.

Nia altŝatata samideano Prioro P. Wolfgang Nedwid, prezidanto de Katolika Unuiĝo Esp.-ista de Aŭstrio, festis la 12. de junio en Klosterneuburg la 40-an datrevenon de sia sacerdotiĝo. Nian elkoran gratulon!

---

**Esperantoprüfungen im Frühjahr 1930.** Die Lehrbefähigungsprüfung bestanden 4 (1 mit Auszeichnung), die Kenntnisprüfung 3.

**Aufgaben: L.-B.-Prüfung:** Zu übersetzen:

„Pri la maniero de vastigado“ de d-ro Zamenhof. Aufsatz zur Wahl: „Tutmondaj interkompreniloj“, „Kiajn oferojn d-ro Zamenhof prenis sur sin por E.?“, „La ĝojoj kaj malĝojoj de la vintro“. Pädagogik: „Wie werde ich die Arbeitsfreude meiner Schüler wecken und steigern?“ Methodik: „Wie werde ich den Wortschatz des E. am besten vermitteln?“ — **Kenntnisprüfung:** Uebersetzung: „Festoj de l' amo“. (El Casari-Scheibenreiter, pĝ. 62) Aufsatz zur Wahl: „Kiamaniere oni povas propagandi E.-on?“, „La moderna sportisto kaj la internacia lingvo“, „Unu tagon sub la tero“.

**Fama verkisto Julio Baghy en Wien.** Nia samideano Baghy vojaĝante al XXII-a en Oxford faros ankaŭ paroladon en Wien. La Wien-aj grupoj interkonsente aranĝos indan kunvenon. Informojn dissendos la grupoj ĝustatempe. Ni nur nun deziris sciigi vin pri ĉi tiu novaĵo. Ĉiu venu por aŭskulti la faman verkiston kaj aktoron!

**Linz: Supra Aŭstria E.-Soc.:** E.-ekspozicio dum Gastgewerbeausstellung bone sukcesis. Estraro proponis oran medalon kaj promesis disponigi dum ĉiu ekspozicio senpage kojon, se dum la ekspozicio estu aranĝata E.-kongreso. — Kursoj finiĝis; la partoprenantoj ekskursetas. Dimanĉaj ekskursoj kun grupanoj kaj kursanoj bonege funkcias kaj daŭrigas la intereson al E.

## ESPERANTO-SOCIETO POR STIRIO

Graz, VI., Schönaugasse 6.

**(11) Vereinsleitungssitzungen** 14. III. und 11. IV. — Gleichzeitig mit den beiden anderen Grazer E.-Vereinen wurde in einer Beschwerde an den Grazer Stadtschulrat dagegen Stellung genommen, daß namentlich angeführte Lehrpersonen ihre Schüler durch abfällige Bemerkungen über Esperanto vom Besuch des E.-Unterrichtes an den Hauptschulen abhalten. — Als Pressewart wurde H. Dr. Biehler bestimmt. — Das von der Buchhandlung Foltanek, Wien, unentgeltlich zur Verfügung gestellte Propagandamaterial wurde unter den Ortsgruppen und den Mitgliedern in der Provinz verteilt.

**(12) OG Graz.** — Empfangsbestätigung über Mitgliedsbeiträge, eingelangt bis 26. V. (2. Liste): Calisto, Conti, Danzer (Teil), Dr. Dietl, Erber, Dr. Fiby, Pr. Hainschegg, Jantscher (Rest), Mag. Klotzmann u. G., Machan (Teil), Ing. Schweidler u. Fr. alle für 1929/30. Bartel.

**Graz.** Loka grupo kunvenas ĵaŭde 19·30 h en gastejo „Pastete“, Sporgasse. — Programo: 26. VI. Monatkunveno; 12. VI., 3.VII., 10. VII. prelegoj, diskutoj, ekzercado; 19. VII. kaj dimanĉe ptm. ekskursoj. — La kurso por komencantoj, gvidita de s-ro Hallamayer laŭ la metodo Ĉe, finiĝis kun bonega sukceso, 6 pers.

## Rimarkindaj presaĵoj

**Heroldo de Esperanto, Köln.**

**Esperanto kaj kulturo.** (Individuo, popolo, homaro) de D-ro R. Tögel, trad. J. Schröder. — La ideoj de la verkinto ĉiam estas interesaj, eĉ se iam ili ne trovas ĉies aprobon. La tradukinto bone scipovas E.-on, sed li tro ofte tradukas germanajn esprimojn laŭvorte ne atentante, kiamaniere tradukus ilin la aliaj vivantaj lingvoj. Ankaŭ la vortordo, kiun li uzas, ne ŝajnas al mi ĉiam komprenebla por negermano (v. ekz. la „monstrojn“ sur pĝ. 24f). Bonaj kaj imitindaj estas la tradukoj: fremdaĵo - Fremdkörper, fieraĉularo - snobismo; ĉu prospere, ĉu peree - auf Gedeih und Verderb.

D-ro fil. W. Biehler.

**Belga E.-Instituto-Antwerpen:**

**Internacia Teatraĵetaro.** De diverslandaj aŭtoroj. — La ses komedietoj, kiujn enhavas ĉi-volumo, povus havi la komunan titolon „Ĉirkaŭ la amo“. Ili ĉiuj estas ne tro gravaj legaĵoj, kiajn oni ĝuas, sed ne rememoras. La lingvo estas sufiĉe korekta, kvankam ne senerara, eĉ eraregoj ne tute mankas (ekz. Post ĉio, kion Karolo rakontis; anst. Laŭ ...). Same troviĝas naciismoj (ĉe kun akuzativo; fraŭlino estas servita-Madame est servie). „Forgesi pri“ ŝajnas esti provincianismo; „al la patrinon“ sur pĝ. 22 preseraro, kiel ankaŭ sur pĝ. 29 „fiŝo el akvo“, sur la sekvanta „ekiras“ anst. „eliras“ kaj „malkrovis“ sur pĝ. 43. Stranga estas la esprimo: mi havas pli grandan kaŭzon. Kromaj mallertaĵoj koncernas la uzon de la sufiksoj -ig- kaj -iĝ- kaj la vortordon. La eksteraĵo de la kajereto estas belaspekta.

D-ro fil. W. Biehler.

**Ŝanhaja E.-Asocio, Ŝanghai, P.O.Box 1332.**

**Ĥinujo kaj Problemo de Internacia Lingvo** de d-ro Won Kenn. Propaganda-Serio 1 en ĥina lingvo kun bildo de Zamenhof. 55 pĝ., 1929.

**Klasigita Terminaro de Esperanto,** kompil. de Eĉeno S. Cian en E. kaj ĥina lingvo. 32 pĝ. Prezo S —.20.

**Kleiner Esperantolehrer für das Gastwirtsgewerbe zum Selbstunterricht** von E. Markau-Potsdam. Eld. F. Ellersieck, **Berlin.** Prezo Rm. —.60, 36 pĝ.

En 10 lecionoj kun la necesaj bonaj klarigoj la verkinto intencas iomete enkonduki la kelnerojn en E. kaj ebligi al ili, doni informojn kaj akcepti mendojn de la E.-gastoj. Sed mankas la ĉefa afero: listo de la manĝaĵoj, kiun la kelnero nepre bezonas. Sur paĝo 10 grava malkorektaĵo: Donu al mi unun glason; 1 preseraro: „Postdama“ anstataŭ „Potsdama“ (p. 24). Por kelneroj, kiuj pro manko da tempo ne povas partopreni kurson, tre bona lerneblo. St.

## Ŝercangulo.

**La singarda kolportisto.**

Kolportisto venis al korto, en kiu estis granda bojanta hundo. La kolportisto hezitis eniri, sed alveninta sinjoro diris al li: „Senzorge eniru, vi ja scias, ke bojantaj hundoj ne mordas“.

La kolporti to respondis: „Certe mi tion scias, sed ĉu la hundo ankaŭ tion scias?“

(Laŭ „Verda Mondo“.)

**Neforpelebla kuiristino.**

„Tiu ĉi supo estas eksterordinare trosalita,“ diris kliento al la mastro de kafejo.

„Mi tre bedaŭras“, respondis la mastro, „kian malzorgemon faris mia kuiristino“.

„Kial do vi ne forpelas ŝin?“

„Ne estas eble, ŝi estas mia edzino.“

Laŭ Ĥina Telegrafisto-Shanghai.



**Solvo de la enigmo el n-ro 3.:** „Fervojinĝeniero“. Premiojn ricevis: Rindauer, Weber kaj d-ro Weingast en Wien.

## Kie oni rekontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Schönaugasse 6/II, Vereinsheim (kunv.) „Pastete“, Sporg. 28, Do(j) 20-23 h.

**Leoben.**

Esp.-Verein für Steiermark: Cafe Weidbacher, Dienstag (ma) 20—22 h.

**Innsbruck.**

Esperanto-Klub, Gasthof „Grüner Baum“, Museumstraße. Do (j) 20—22 h.

**Linz.**

Oberösterr. Esp.-Verein: Gasthaus Stadtgut, Volksgartenstraße.

**Wien.**

Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Schottenhof (Akademikerheim) Mi (me) 18.00 - 20.00 h.

Esp.-Unuiĝo-Wien, I., Himmelpfortg. 6 (kafejo Frauenhuber), Fr. (v.) 19.30 h.

Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3. ĉiutage 17—19 h.

Vienna Akademia Unuiĝo Esp. VII, Neubaugasse 25, Cafe Elsahof, Mo (l) 19—23 h.

Esp.-societo „Fideleco“, Währinger Bürgercafe, XVIII., Staudgasse 1, Di (m) 16-19 h.



Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg 248. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.